##  MEDEDELINGEN BONDSBESTUUR

**Congreskaarten.**

Wij vestigen er nogmaals de aandacht op, dat de kaarten voor afgevaardigden aangevraagd moeten worden bij het bondssecretariaat, Roelantstr. 4, Amsterdam (W.).
Al het overige, dus ook de congreskaarten voor de bezoekers vrage men aan bij het O.K.K. Heerlen.

**Vergoeding afgevaardigden.**

De afgevaardigden genieten volle vergoeding van de reiskosten en van de verblijfkosten tot een max. van f 9.50. Van elke afdeling komt hiervoor slechts één afgevaardigde in aanmerking.

**Voor de afgevaardigden.**

De afgevaardigden ontvangen, na tekening van de presentielijst, de congresbescheiden, waarbij ook een exemplaar met de congresvoorstellen. Men dient echter zelf de jaarverslagen en financiële rapporten mede te brengen.

**Reis- en verblijfkosten.**

De terugbetaling van reis- en verblijfkosten aan afgevaardigden zal niet in, doch na het congres plaats vinden.
Een formulier ter regeling van deze aangelegenheid ontvangen de afgevaardigden bij hun congresbescheiden.

**Radio.**

Op 12 April a.s. van ± 16.00—16.15 uur spreekt k-do G. J. Degenkamp voor de Vara over: „De opvoedkundige waarde van het „Esperanto".
3 Mei 1947. Optreden van „La Verda Kabaredo" onder leiding van k-do A. L. de Bruyn.
7 Juni 1947. K-do J. Hippe, hoofdbestuurder van de Bond in de Grafische Vakken spreekt over: Esperanto in dienst van de arbeidersbeweging.
5 Juli 1947. K-do J. v. Scheepen spreekt over „Esperanto zestig jaar".
De Vara zal waarschijnlijk in haar 1 Mei-programma ook een Esperanto-uitzending verzorgen.
Voor de juiste gegevens raadplege men de programmabladen.

**Koninklijke Goedkeuring.**

Bij K.B. van 28 Februari 1947 no. 46 werd aan onze bond de Koninklijke Goedkeuring (Leĝa Aprobo) verleend op de door ons congres van 21 en 22 April 1946 te Alkmaar gewijzigde statuten. Engele veranderingen moesten nog worden aangebracht, zonder welke de statuten niet zouden hebben voldaan aan alle bepalingen van de wet.
Deze veranderingen zijn:

1e. Toevoeging van de bondsnaam in het Nederlands.
2e. Aanwijzing van de zetel van de bond, daar de wet een met name genoemde gemeente voorschrijft.
3e. verandering van de zinsnede: „tot 31 December" (art. 17) in: tot *en met* 31 Dec.

**LA GAZETARSERVO.**

de nia Asocio reekfunkciigis kaj la servantoj depost hodiaŭ ricevos ĉiumonate komunikon. Oni serioze atentu la celon atingi, ke ĉiu gazeto almenaŭ engazetigas esperantajojn. Precipe niaj anoj klopodu tion en la sindikataj gazetoj. Klopodante oni jam baldaŭ rimarkos sukcesojn. En la jenaj sindikataj gazetoj aperas regula rubriko esperanta: Werkend Nederland, Bedrijfsgroep Metaalnijverheid, Bedrijfsgroep Voeding en Genotmiddelen, Bedrijfsgroep Fabriekmatige- en Chemische Nijverheid, Spoor, Tram en A.T.O. Tiuj ĉi sindikatoj apartenas al E.V.C. La gazeto „Officieel Weekblad v. d. Gemeentepolitie van 's Gravenhage", publikigis la tutan enhavon de la broŝuro „Esperanto juist nu" en tri sinsekvaj numeroj.
Niaj anoj zorgu pri la pligrandigado, ĉiu en sia tereno. Ofte oni plendas pri celtrafa propagando, jen estas laborterero kie oni povus rikolti multon, se nur niaj anoj bone komprenus sian devon tiurilate.

**PRELEGA ŜERVO.**

K-do K. Stiekel estas preta deklami en siaj najbaraj sekcioj. Lia adreso estas Gasthuisvest 31 rood, Haarlem.
Montriĝis ke nur tre malmultaj sekcioj sin anoncis por la prelego, kiun ni volas organizi post la kongreso en Heerlen. Verŝajne oni pensas, ke tamen eblos ke eksterlandano en iu sekcio venos propreiniciative; ni avertas pri la malebleco. Ni aranĝos la vojaĝon kaj neniu sekcio povos malbonordigi tion.

---

**BUREAU „ESPERANTO BIJ HET ONDERWIJS".**
**C. Krusemanstr. 43[3], Amsterdam-Z.**

Op 2 Jan j.l. zou een drietal vertegenwoordigers van het bureau in audiëntie ontvangen worden door de Min. van O., K. en W. De ontvangst vond plaats, echter wegens plotselinge verhindering niet door den Min., maar door diens secretaris-generaal. Hem werd een verzoek met toelichting overhandigd. Hierin werd gevraagd: „bij de aanhangig zijnde reorganisatie en vernieuwing van het onderwijs die maatregelen te nemen, welke nodig zijn, om de invoering van het Esperanto bij het onderwijs met vrucht te doen plaats hebben". 13 Febr. had dezelfde delegatie een onderhoud met den Minister. Deze vertelde, vroeger zelf wat aan Esperanto te hebben gedaan en niet afwijzend tegenover onze wensen te staan. De opname echter van Esperanto als facultatief vak, betekende meer dan een technische wijziging van de wet. Als ik één deur openzet, gaan er honderd open. De Minister was echter bereid te overwegen, of hij iets kon doen bij het ontwerpen der verschillende nieuwe wetten die er zullen moeten komen. Hij was van mening, dat verschillende voordelen welke aangevoerd worden voor de invoering van Esperanto evenzeer gelden voor andere vreemde talen; het doorslaggevende motief zou voor hem zijn, de algemene verbreiding en gebruik van Esperanto. Op de vraag, of hij bereid zou zijn langs diplomatieke weg een onderzoek daarnaar in te stellen en eventueel het initiatief te nemen tot een poging om te komen tot een gelijktijdige overeenkomst met een aantal andere staten, verzocht de Minister dit idee schriftelijk aan hem voor te leggen. De delegatie kreeg de indruk, dat de Minister voor zo'n poging wel wat voelde. Een voorstel onzerzijds heeft Minister Gielens ondertussen bereikt en het bureau zal in zijn e.v. bijeenkomst nader overwegen, wat het in deze verder kan doen.

De voorz. P. W. Baas.

## AMENDOJ

### AL LA KONGRESPROPONOJ.

(Vidu L.E. de 1 Marto 1947).

**KOTIZO.**
**ROTTERDAM IV.**

Propono 2. de Distrikto Gelderland tekstu: La ĝeneralaj membroj pagu en la jaro de sia aliĝo por la kvaronjaroj dum kiuj ili estos membroj, po unu kvarona jarkotizo.
Do ĉe aliĝo inter la unua de januaro kaj la unua de aprilo, oni pagu la tutan jarkotizon. Ĉe aliĝo inter la unua de aprilo kaj la unua de julio, tri kvaronojn de la jarkotizo, k.t.p. La sekvontaj jaroj do ciam komencos la unuan de januaro.
Klarigo: Tiel oni evitas la malfacilajojn rilate la aliĝon, pri kiu la estraro timas.

**ELEKTO DE ASOCIA ESTRARO.**
**AMSTERDAM VI.**

Kandidatiĝas k-don A. M. D. Korff.

**GAZETARO.**
**ENSCHEDE.**

Amendo al la proponoj de Schagen kaj Schiedam.
La asociestraro esploru la eblon regule aperigi en L.E. paĝon da pri-esperantaj novajoj kaj represigi ĝin kiel apartan trimonatan malmultekostan propagand-gazeton, kolportotan de aktivaj sekcioj.

**Klarigo.**

Nia sekcio eldonis kaj kolportis en 1946 4-paĝan ciklostilitan prop-gazeteton kaj vendis preskaŭ 1000 ekzemplerojn.
Presita gazeteto nemultekosta estos pli facile vendebla. L. E. estas bonega, sed kelkaj numeroj, kiuj enhavas tro da esp. teksto ne taŭgas por kolportado. Tial aparta gazeteto, aperanta trimonate, certe bonege servus al nia propagando.

**KONGRESLOKO EN 1948.**
**AMERSFOORT**

proponas ke la kongreso en 1948 okazu en Amersfoort.

**LERNO-LIBRO.**

Amendoj al la proponoj de Noord-Holland k.a. de **Amersfoort, Amsterdam I, kaj Zuilen.**

La kongreso rekomendu al Libro-Servo eldoni ankaŭ „La Komencanto".

**LAREN—BLARICUM.**

La kongreso rekomendu al Libro-Servo reeldoni „Nia Lernolibro" kaj interrilati kun la verkinto pri la ebloj ŝanĝi la enhavon en tiu senco, ke ĝi fariĝu kuniĝo de la avantaĝoj de „Nia Lernolibro" kaj de „Facile Lerni Esperanton".

# KASRAPORTO pri la jaro 1946a

| ENSPEZOJ | | Efektiva rezultato | Budĝetita |
|---|---|---|---|
| Kotizo sekcia | | f 7323.89 | f 7500.— |
| Kotizo ĝen. membroj | | f 203.46 | f 250.— |
| Kotizo simp. organizoj | | f 20.— | f 100.— |
| Abonoj Lab. Esperantisto | | f 355.57 | f 100.— |
| L.S. Profito-parto | f 1700.— | | f 1700.— |
| transkontigo diferenco | f 0.02 | f 1700.02 | |
| *DEFICITO* | | f 4036.39 | |
| | | f 13639.33 | |

**La deficito estas parte nuligita per Transkontigo de:**

| | |
|---|---|
| Donacoj | f 2004.06 |
| F.L.E. Amikaro | f 362.28 |
| Profita saldo 1945 | f 483.85 |
| | f 2850.19 |
| Valorigo havoj de la Asocio | f 500.— [1]) |
| Deficito — negativa Kapitalo | f 686.20 |
| | f 4036.39 |

[1]) La havoj konsistas el: 5 skribmaŝinoj kaj adresilo kun adresplatetoj.

| ELSPEZOJ | | | Efektiva rezultato | Budĝetita |
|---|---|---|---|---|
| Preskostoj Lab. Esp. | | f 4528.10 | | |
| Ekspedokostoj „ | | f 286.17 | f 4814.27 | f 6200.— |
| Preskostoj La Progresanto | | f 1691.35 | | |
| Ekspedokostoj „ | | f 305.18 | | |
| | | f 1996.53 | | |
| Anoncokostoj | | f 7.50 | | |
| | | f 2004.03 | | |
| Repago LS por vendotaj jarkolektoj La Progresanto | | f 100.— | | |
| | | f 1904.03 | | |
| Abono-enspezoj | | f 1724.48 | f 179.95 | |
| Kongreso 1945 | | | f 8.65 | |
| Kongreso 1946: elspezoj | | f 3901.46 | | |
| enspezoj: kotizo | f 699.63 | | | |
| Int. Sol. | f 503.31 | f 1202.94 | f 2698.52 | f 1250.— |
| Salajro funkciulo | | f 2595.— | | |
| Socia Asekuro | | f 84.23 | | |
| | | f 2679.23 | | |
| Repago L. S. | | f 1876.— | f 803.23 | f 980.— |
| Instrua-Servo: elspezoj | | f 1111.58 | | |
| enspezoj | | f 749.— | f 362.58 *) | |
| Kontribuoj kaj Subtenoj | | | f 75.— | |
| Administracio | | f 587.57 | | f 300.— |
| Kontoraj bezonaĵoj | | f 1887.26 | f 2474.83 | f 1000.— |
| Estrarkunvenoj | | | f 222.50 | |
| Aranĝo entombigo de k-do A. Veen | | | f 715.— | f 320.— |
| Diversaĵoj | | | f 232.80 | |
| Propagando, Dokumentado kaj Gazetarservo | | | f 418.32 | |
| Konsilantaro | | | f 294.— | f 200.— |
| Studoservo | | | f 3.83 | |
| Interkontaktilo | | | f 19.58 | |
| Literatura Komitato | | | f 6.16 | |
| Ekzamena Komitato: kotizo 1946 | | f 25.— | | |
| kostoj | | f 3.13 | f 28.13 | |
| Regularkomisiono, vojaĝkostoj k.c. | | | f 15.43 | |
| L.E.A. Komitato | | | f 2.93 | |
| Junularkomitato | | | f 15.13 | |
| N.C.K.E., kotizo 1946 | | | f 225.90 | f 250.— |
| Esperanto ĉe la Instruado, kotizo 1946 | | | f 22.59 | |
| | | | f 13639.33 | |

*)Tiu ĉi sumo ne estas deficito. La kursoj ankoraŭ ne finiĝis, do nur en sekvonta raporto povas aperi la resulto.

## BILANCO JE 31-12-'46

| | | |
|---|---|---|
| Kaso | | f 3742.35 |
| Debitoroj | | |
| pagota kotizo | f 950.44 | |
| antaŭpagoj | f 120.— | f 1070.44 |
| Distriktoj: pagota kotizo | | f 1830.46 |
| N.C.K.E. antaŭpago kotizo | f 300.— | |
| pagotaj enirkartoj ĝen. Kongr. | f 123.— | f 177.— |
| Antaŭpago kongr. 1947 | | f 300.— |
| Havoj | | f 500.— |
| Kapitalo (negativa) | | f 686.20 |
| | | f 8306.45 |

| | | |
|---|---|---|
| Kontopagoj | | f 182.50 |
| Rezervo fondotaj sekcioj | | f 49.— |
| Salajro-Imposto pagota | | f 39.— |
| Kreditoroj: | | |
| Presejo Dico | f 7601.15 | |
| Repagota al distr., kaj sekcioj pro F.L.E. Amikaro | f 434.80 | f 8035.95 |
| | | f 8306.45 |

*SPECIFOJ DE ELSPEZOJ:*

**Kontribuoj kaj Subtenoj.**

| | |
|---|---|
| Sekcio Middelburg | f 25.— |
| Nosobe | f 10.— |
| Presejo-personaro | f 30.— |
| N. J. H. C. | f 10.— |
| | f 75.— |

**Administracio.**

| | |
|---|---|
| Afrankoj | f 467.72 |
| Luo poŝtkesto | f 15.50 |
| Tramkostoj funkciulo | f 13.52 |
| Tram- Vojaĝkostoj estraro | f 90.83 |
| | f 587.57 |

**Kontoraj bezonaĵoj.**

| | |
|---|---|
| Adressilo k. adresplatetoj | f 909.75 |
| Riparado skrimaŝinoj k.t.p. | f 123.60 |
| Diversaĵoj (stencilpapero, kartsistemoj k.t.p.) | f 853.91 |
| | f 1887.26 |

## FINANCA RAPORTO PRI LA LIBRO-SERVO.

### BILANCO JE LA 31a DE DECEMBRO 1946a.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Havoj | | ƒ 100.— | Kreditoroj | ƒ 1502,13 |
| Kaso | ƒ 1819.66 | | Vendo-Imposto | |
| Poŝtĝiro | ƒ 2819.07 | | pagota | ƒ 566.64 |
| Kom.ĝiro | ƒ 443.33 | | Intern. Kulturo | ƒ 372.25 |
| Amst.Bk. | ƒ 199.35 | ƒ 5281.41 | Kapitalo | ƒ 24837.86 |
| Debitoroj | | ƒ 7346.70 | | |
| Libroj k.t.p. | | ƒ 14400.77 | | |
| Antaŭpago (eldono Nev. Ĝeno) | | ƒ 150.— | | |
| | | ƒ 27278.88 | | ƒ 27278.88 |

### REZULTATKONTO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kostoj | ƒ 1715.25 | Profito Vendado | ƒ 6614.73 |
| Profita Saldo | ƒ 4899.48 | | |
| | ƒ 6614.73 | | ƒ 6614.73 |

**Divido profita Saldo** ƒ 4899.48

| | | |
|---|---|---|
| Transkontiĝo profitoparto al la Asocia kaso | ƒ 1700.— | |
| Repago parto salajro kaj Soc. Asekuro al la Asocia kaso | ƒ 1876.— | |
| | | ƒ 3576.— |
| Profito al Kapitalo | | ƒ 1323.48 |

| | |
|---|---|
| **Kapitalo** je la 1a de Jan. 1946a | ƒ 20710.98 |
| Plivalorigo de la Havoj | ƒ 99.—x |
| Plivalorigo de la Librostoko je la 1a de Jan. 1946a | ƒ 2704.40x |
| | ƒ 23514.38 |
| Profitosaldo 31.12.46 | ƒ 1323.48 |
| Kapitalo je 31a de Dec. 1946a | ƒ 24837.86 |

**Specifigo Kostoj.**

| | | |
|---|---|---|
| Luo oficejo kaj magazeno | | ƒ 336.50 |
| Pagitaj magazenkostoj al bindisto | | ƒ 25.— |
| Kostoj kontoro | | ƒ 126.40 |
| Kostoj hejtado | | ƒ 19.84 |
| Asekuro stoko kaj havoj | | ƒ 22.70 |
| Ekspedokostoj vendoj | ƒ 714.40 | |
| repagita de mendintoj | ƒ 4.10 | |
| | ƒ 710.30 | |
| repago por resendita pakpapero | ƒ 36.90 | ƒ 673.40 |
| Kostoj aĉetoj | | ƒ 41.65 |
| Afrankoj kaj kontoraj bezonaĵoj | | ƒ 252.80 |
| Tram- kaj vojaĝkostoj | | ƒ 37.76 |
| Kostoj kliŝo | | ƒ 25.— |
| | | ƒ 1715.25 |

x La Kaskontr. Kom. ne konsentis pri la valorigo de la Havoj kaj de la librostoko. La libroj, kiuj troviĝis ĉe bindistoj, ne estis valorigitaj. Ni aprobis kaj plivalorigis la konton Havoj ĝis 100.— gld. kaj la librostokon per la valoro de la libroj, troviĝintaj ĉe la bindistoj.

## ASOCIA BUDĜETO POR LA JARO 1947a.

**ENSPEZOJ**

| | |
|---|---|
| Kotizoj sekciaj | ƒ 9660.— |
| Kotizo ĝen. membroj | ƒ 200.— |
| Abonoj Lab. Esp. | ƒ 300.— |
| Abonoj La Progresanto | ƒ 2000.— |
| F.L.E. Amikaro | ƒ 250.— |
| Profito L.S. | ƒ 1000.— |
| | ƒ 13410.— |

**ELSPEZOJ**

| | |
|---|---|
| Lab. Esperantisto | |
| Pres- kaj Eksp.kostoj | ƒ 5500.— |
| La Progresanto | |
| Pres- kaj Eksp.kostoj | ƒ 2000.— |
| Kongreso | ƒ 1500.— |
| Salajro funkciulo | ƒ 1000.— |
| Soc. Asekuro | ƒ 400.— |
| Kontorajbez. (admin.) | ƒ 500.— |
| Estrarkunvenoj | ƒ 200.— |
| Esp. ĉe la Instr. | ƒ 50.— |
| N.C.K.E. | ƒ 200.— |
| L.E.A. Kom. | ƒ 50.— |
| Ekz. Kom. | ƒ 25.— |
| Lit. Kom. | ƒ 25.— |
| Lingva Kom. | ƒ 10.— |
| Gazetarservo | ƒ 100.— |
| Propagando | ƒ 500.— |
| Junularkom. | ƒ 100.— |
| Librokontrolisto | ƒ 250.— |
| Vojaĝkostoj | ƒ 200.— |
| Konsilantaro | ƒ 300.— |
| Deficito 1946a | ƒ 500.— |
| | ƒ 13410.— |

En la regiono de la Nederlanda lingvo S.A.T. kreskis post la milito pli rapide ol antaŭ ĝi.
En la F.L.E. kongreso en Alkmaar mi povis anonci la 1000an membron. Ĝis nun tiu nombro plialtiĝis ĝis 1250. Zorgu, ke en nia kongreso en Heerlen mi povu anonci la 1500 an!

F. Faulhaber, hon. prezidanto.
de Asocio de Lab. Esp. F.L.E.

### KIEL NI PROPAGANDU?

**Ni kolportu „Laborista Esperantisto"n!**

Oni certe konsentos, ke estas necese propagandi nian lingvon kiel eble plej multe. Ĝis nun ni propagandis precipe en la Verda Monato kaj ĉe kelkaj aliaj okazoj, kiel la Unua de Majo, ktp., sed cetere ni ne faris multe, almenaŭ ne regule kaj grandskale. Niaopinie ne sufiĉas nur disdoni kelkfoje flugfolietojn senpage kaj en septembro iom kolporti gazetojn kaj broŝurojn. Ni devas regule kontakti kun la publiko, regule prezenti al ĝi niajn propagandilojn.

Diversaj aliaj organizoj, i.a. la abstinenculoj regule kolportas sian organon kaj varbas por ĝi abonantojn. Ĉu ni ne povus fari la samon? Sendube! Se ni regule kolportadus niajn eldonaĵojn, ni pli disvastigus niajn ideojn kaj samtempe akirus adresojn de interesiĝantoj kaj simpatiantoj, kiujn oni eble poste povus varbi kiel FLE-amikojn aŭ kiel kursanojn. Nia grupo faris pruvon tiurilate kaj ni povas diri, ke ĝi sukcesis. Ni eldonis malgrandan, ciklostilitan propagandan gazeton. Tiun gazeton ni kolportis kaj malgraŭ ĝiaj modestaj formato kaj enhavo, kaj malgraŭ la malgranda kvanto da kolportantoj, ni sukcesis vendi ĝin 100-ekzemplere monate. Ĉu tio ne estis bona rezulto? Se ni estus sciintaj, ke ni povas akiri por kolportado ekzemplerojn de L.E. je malpli alta prezo, ni estus kolportintaj ĝin. Granda presita gazeto kiel L. E., bone redaktata, kun interesa enhavo, vendiĝas facile kaj la propaganda efiko estas granda. Do, kion ni faru? En ĉiu sekcio kelkaj (prefere multaj!) gekamaradoj anoncu sin por kolportado. Oni mendu regule, monate aŭ dumonate iun kvanton da L.E.-oj kaj disvendu ĝin kie ajn, en kunvenoj, ĉe la domoj ktp. Estas utile bone aranĝi la kolportadon ĉe la domoj. Por tio oni la unuan fojon notu iujn adresojn, kie oni vendas ion. Al tiuj adresoj oni iru sekvontan fojon denove. Kelkaj ree aĉetos, aliaj eble ne. Al la „reaĉetantoj" oni iras ĉiam denove.

Eble estas rekomendinde ne demandi, ĉu oni volas aboni, sed simple ĉiufoje denove prezenti al ili la gazeton. Ke oni en la verda monato speciale prilaboras ĉi tiujn adresojn, estas kompreneble.

Gekamaradoj! *Se ni volas atingi ion, ni devas fari ion. Ne nur ion sed multon. Kaj ne nur kelkfoje en la jaro, sed regule, ĉiumonate, se eble ĉiusemajne! Tial ni instigas vin kolportu nian gazeton „Laborista Esperantisto"!*

G. P. d. B.

**Noto de la estraro.**

Por la propagando ni liveras L. E. por kvin cendoj. Necesas, ke oni mendu minimume 10 ekzjn, ĉu ĉiumonate, aŭ nur kelkfoje. Oni mendu la necesan kvanton antaŭ la 15a de la monato. Kiam oni deziras ricevi certan kvanton ĉiumonate, sufiĉas unufoja mendo.



**JUNULARKOMITATO — Ju-ko.**
**Sekr. Langereis A 31, Hoogwoud, N.-H.**

Juko aranĝos specialan junularkunsidon dum la kongreso en Heerlen je dimanĉo la 6an de Aprilo 1947.

Ni atendas, ke ĉiuj junaj gekongresanoj partoprenos tiun ĉi tre gravan kunvenon.

**Tagordo:**

malfermo: 12.00a horo

1. malfermo.
2. protokolo
3. raporto sekr.
4. raporto kas.
5. raportoj de la distriktaj perantoj.
6. elekto de estraro.
7. proponoj kaj sugestoj.
8. fermo: 13.30.

Montru per via ĉeesto vian simpation por la junularkomitato kaj por ĝia grava tasko! Instigu viajn geamikojn ke ankaŭ ili partoprenu!

Do, geamikoj ĝis la revido en Heerlen.



## EL LA DISTRIKTOJ

### DISTRIKTO GRONINGEN—DRENTE.

**Sekr.: H. Rijpstra, Gratamastr. 63 B, Groningen.**

Dimanĉon, la 9an de marto, la distrikto kunvenis en Groningen. Reprezentataj estis Emmen, Groningen, Stadskanaal, kelkaj ĝeneralaj membroj kaj interesiĝantoj. Por la ĉefestraro ĉeestis k-do A. van Haren.
En la distrikta regularo nun validas la jeno: la distriktestraro konsistas el 5 membroj, el kiuj 3 (prez., sekr., kas.) en la sama loko.
Sekcioj Stadskanaal kaj Winschoten estas reprezentataj en la distriktestraro po unu membro, la ĉiutaga estraro seĝas en la urbo Groningen, nome: k-do C. W. v. Altena: prez. k-do R. van Kempen: kas., k-do H. Rijpstra: sekretario.
Se eble, okazos *semajnfino je la 14a kaj 15a de junio* en naturamikdomo „De Hondsrug" en Noordlaren. La sekcioj en la tri nordaj provincoj jam nun atentu pri tio. K-do van Haren aŭdigis de tempo al tempo sian konsilan voĉon en la diskutoj. Poste li parolis kelkajn propagandajn vortojn. H.R.

### DISTRIKTO ROTTERDAM.

**Sekr.: Lange Geer 28, (Z).**

En la Jarkunveno de nia Distrikto, kiu okazis la 14an de februaro, oni elektis novan distriktan estraron, kiu nun konsistas el: k-do C. van Essen, prez.; k-dino M. A. Mes-Goossen, Lange Geer 28, sekr.; k-ino A. C. Obbes, kas.; kaj la k-doj J. Antis, W. Borsje, L. W. Kastelein kaj J. W. Prent.
M. A. Mes-Goossen, secr.



## EL LA SEKCIOJ

### AMERSFOORT.

**Sekr.: Vermeerstraat 16.**

La 10an de marto okazis kunveno kie ni pritraktis la kongresproponojn kaj amendojn. Ni elektis nomon por nia sekcio *„Frateco"*. Oni elektis kiel delegitinoin al nia kongreso en Heerlen, k-dinojn P. Poort—Procee kaj P. Visser, kiel anstataŭanton k-don D. Vink.
Nia sekcio precipe esprimas sian kontenton kaj subtenas la artikolon de k-do C. P. de Bruin en la lasta L.E.

### LEEUWARDEN.

**Sekr.: Marnixstraat 19.**

Ni kunvenis la 28an de febr. La raportoj de la sekr., la kasisto, la bibliotekistino kaj de la sekr.-ino-kasistino de la Infangrupo estas aprobitaj. La kaskontrolkomisiono raportis ke ĉio estis en bona ordo. K-dojn A. van Dijk, dua prez. kaj A. Stellema, kas. reelektiĝis kaj kiel ano de la kaskontrolkom. oni elektis k-don Mentjox.
C. C. M. Rijpstra-Timmerman, presservantino.

### ROTTERDAM III.

La 21an de jan. okazis nia jarkunveno. Montriĝis, ke la kurado en la sekcio dum la jaro 1946a estis kontentiga. Ni daŭrigas la sekcian membrecon al S.A.T. je dek guldenoj jare kaj la subvencio al la Blindula Movado estas altigata de 5 ĝis dek guldenoj.
Ĉar la kaso tion toleras, estis decidate aboni ĉiujn niajn geanojn, kiuj ŝatos tion, al „La Progresanto" je kosto le la sekcia kaso, esperante, ke tio estos forta instigo kaj progresigilo por kapabliĝi en la lingvo.
Ni nun havas 29 geanojn kaj 4 geedzajn parojn, el tiuj estas 23 geanoj kaj 2 geedzaj paroj S. A. T. anoj.

### ZWOLLE.

**Sekr.: Zwarteweg B 312³.**

La 6an de febr. ni okazigis la jarkunvenon. La nuna estraro unuanime estis elektata.
La jaro 1946a montriĝis kontentiga por nia sekcio. Pro aliĝo al nia sekcio de la grupo de L.E.E.N., la membraro kreskis de 29 ĝis 41. En la elementa kurso partoprenas 18 kursanoj. Dum la konversaciaj vesperoj ni okazigis A-kurson en kiu granda nombro el la membraro partoprenas.
La aktiveco en nia grupo estas sufiĉe bona. De la policejo ni rericevis la objektojn konfiskitajn de la germanoj, escepte la skribmaŝinon kaj ciklostilon. G. v. Luuk.

### ZAANDAM—ANTAŬEN.

**Sekr.: Emmastraat 28.**

Pluraj el niaj anoj montris la „Gratul-Registron" kiun ni eldonas okaze de la 35 jara ekzistado de nia unuiĝo. Per ĉi tiu registro diversaj Zaandamanoj esprimas sian favoron pri nia esperanto-movado, kaj samtempe donacas ne malgravan momsumom. Ne nur ni legas nomojn de la urbestro kaj skabenoj sed ankaŭ de laboristoj, instruistoj, de doktoroj k.t.p. Kelkaj el la oficialaj invitiloj al diverslandaj gesamideanoj, de la Zaandamse Gemeenschap, en interkonsiliĝo kun ni, jam estas akceptitaj.
Ni povas esti certaj, ke nia esperanto-semajno iĝos vere internacia-semajno. Pro kunlaboro de diversaj instancoj, kaj gazetredakcioj, ĝi efikos sukcesplene.
Ĉuj niaj membroj zorgu, ke en la venonta *konversacia kunveno*, kiu okazos la*2an de aprilo, Oostzijde 59*, kie ni pritraktos la kongresproponojn kaj elektos delegiton, krome fiere montru la registron. La estraro.

### S.A.T.-RONDO ROTERDAMA.

Nia aprila kunveno okazos en Zuidervolkshuis, Brink. Tramlinio 3. La dato estas la 20a kaj ni komencos je la 10.30. La Belamiano k-do A. J. v. d. Zeeuw parolos pri *„La kaŭzoj de la militoj"*. Ni atendas vin ĉiujn. B.W.

---

# RADIO

### V.A.R.A.

La laborista radio-asocio „Vara", Hilversum, Nederlando, verŝajne prezentos Esperanto-programon en sia elsendo de 1a de Majo.
La elsendo okazos per ondolongo de 415 m. Ricevinte la definitivajn informojn, ni sendos komunikon pri la precizaj horo kaj programo. Cetere „Vara" elsendas ĉiumonate en kunlaboro kun Asocio de Lab. Esp. F.L.E. esperantoprogramon, de 1610—16.25 h. M.E.T., 301 m. Ĉi sube programo por la sekvontaj monatoj.
12-4-'47 G. J. Degenkamp parolas pri „Emancipa valoro de Esperanto".
3-5-'47. Prezentado de „La Verda Kabaredo".
7-6-'47. J. Hippe, ĉefestrarano de Grafika Sindikato parolas pri: „Esperanto serve al la laborista movado".
5-7-'47. J. v. Scheepen parolas pri: „Esperanto 60-jara".
Povos okazi malgrandaj ŝanĝoj en la horoj, sed la komenco ĉiam restas inter 16.00 kaj 16.30 (M.E.T.).

### N.C.R.V.

Okazos la 11an de aprilo de la 18.45 ĝis 19.— h. (M.E.T.) Esp. elsendo de la radiostacio Hilversum II (ondo 415 m.) en la kadro de la elsendoj „La Evangelio per Esperanto". Parolos s-ro J. U. Hommes. Temo: „La Vojo". Personoj, kiuj ne bone ricevas la ondolongon de 415 m., povos aŭskulti sur ondolongoj 218 m. kaj 245 m.

K-do C. v. d. Pol informis nin ke la unua ĉiutaga elsendtempo kaj ĝiaj ondlongoj de radiostacio Praha XII estas ŝanĝitaj. Ĝi nun okazas ĉiutage de la 17.30 ĝis la 17.45 h. per ondoj 31.41 m. kaj 1935 m.

### ITALA ASOCIO DE LABORISTAJ ESPERANTISTOJ (I.A.L.E.) V. Modena 33, Torino — ITALIO.

La 1an de Januaro 1947a fondiĝis en Italio la „Itala Asocio de Laboristaj Esperantistoj" (I.A.L.E.), kiu celas grupigi la Italajn gelaboristojn, kiuj scipovas nian lingvon aŭ, kiuj, kvankam ne scipovante nian lingvon, favoras al nia ideo. Dum la unua kongreso, kiu okazos dum ĉi-sama jaro, oni elektos taŭgan konsilantaron, prezidanton (k-do Guzzi) kaj provizoran konsilantaron. De tiu asocio ni atendas bonajn fruktojn pri la disvastigado de Esperanto kaj pri la kunlaboro kun la aliaj laboristaj asocioj ĉiulandaj. Oficiala organo de la Asocio estos „La Itala laborista Esperantisto", kiu eldoniĝos kune kun „Verda Steleto" la ununura postmilita Esperanto gazeto en Italio. Vivu la tutmonda laboristaro! La Prezidanto.

### ALVOKO EL SVISIO.

Ĉiuj fervojistoj intencantaj partopreni la Esperanto Mondkongreson 1947 en Berno estas petataj anonci sin ĉe ni (sendepende de la kongresaliĝo) ĝis la 1-a de majo 1947.
Deziroj, proponoj kaj anoncoj de paroladantoj estas danke atendataj. Pri demandoj por profesia kunsido ni plezure respondos. La korespondajojn ĉi rilatajn oni b.v. sendi al: Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj, Hubacherweg 6, Liebefeld bei Bern, Svislando.



## ANONCOJ

La Itala esperanta gazeto „Verda Steleto" enhavas novajojn pri la movado en Italio; ankaŭ la jus fondita laborista esperanto movado en Italio (I.L.E.A.) havas propran paĝon. Krome estas en ĝi bonaj artikoletoj, k.t.p. La jarabono estas f 1.20 jare, la monon oni sendu poŝtmandate al mi, P. J. Visser, Vermeerstraat 10, Amersfoort, kun mencio: „Verda Steleto".

**Filatelistoj.**

Kiu volas interŝanĝi kelkajn kompletajn okazintajajn poŝtmarkojn, por samvaloraj el sia lando?
S-ino de Moel-Broedersz, Zesstedenweg 70, Grootebroek, Nederlando.

RUDI KOOPMANS,

Leusderweg 215, Amersfoort (Nederlando) petas al geknaboj korespondi kun li pri filatelio k.t.p. Li estas 14-jara lernanto de mezgrada lernejo. Respondos ĉiujn. Disponas pri pluraj Esperantajoj.

WALTER RAHN

3 Güstrow/Meckl., Hagebökerstrasse 44 bei Bühring, Germanio, Zone Soviétique serĉas korespondantojn.

K-do KARL GRÜNDEMAN

Nelkenweg 2, 14 Stuttgart 13 U.S. Zono, Germanio, deziras korespondantojn por sia Esp. societo pri politikaj, sindikataj, sportaj, kulturaj kaj naturamikaj temoj.

Deziras korespondi:
GRUSCINSKIJ VADIM
36 Nikolaev Plechanovstr. 36, Ukraino, Sovetio.

**ĈU VI JAM DECIDIS PASIGI VIAN LIBERTEMPO EN DANIO POR VIZITI LA S.A.T.-KONGRESON? DETALOJ EN SENNACIULO.**